Año X (N.° 110)

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 4

JULIO AGOSTO 1958

PELAYO, 7

VALENCIA (ESPAÑA)

**PALABRAS QUE NO SON NUESTRAS, PERO QUE PODRIAN SERLO**

**«La primera de estas acusaciones (la «artificialidad») no es, naturalmente, una verdadera acusación. Aceptar la artificialidad de un idioma como el Esperanto, frente a las cualidades naturales de un idioma como el francés o el inglés equivale a admitir la artificialidad de un automóvil en relación con la naturalidad de un caballo. La artificialidad puede ser, y generalmente lo es, una expresión de la inteligencia humana, que conduce, por el fin que se quiere alcanzar, a una mejora respecto a las condiciones naturales».**

Del capítulo III (Quinta Parte) del libro «La Maravillosa Historia del Lenguaje» del profesor Mario A. Pei, de la Universidad de Columbia (Estados Unidos).

## *UNA TRAYECTORIA*

Desde que en el año 1951, la recientemente plasmada Federación Española de Esperanto demostró en Tarrasa su sólida fuerza moral y —con ello— la razón de su existencia, la reiteración anual de sus congresos ha ido reafirmando su voluntad de persistencia y la madurez de su evolución.

Sin más sostén que la fé y la voluntad de sus componentes, carente de todo apoyo oficial y desenvolviéndose en la penuria de sus propios medios materiales, la Federación habría perecido una y cien veces si no la hubiesen sostenido, contra la indiferencia de las gentes y la incomprensión de aquellos que tienen el deber de patrocinar sus generosos y humanitarios principios, la clarividencia y el entusiasmo —nunca jamás extinguido— de unos pocos, que han hecho: bandera, de su símbolo, y decálogo, del Fundamento de Esperanto.

Pero, en el transcurso de esa ya larga trayectoria, como en el de toda progresión, ha habido altibajos, momentáneos desmayos y justificados cansancios. Todos hemos sentido la desesperación de ver ignorada nuestra verdad, y de sentir en crasa oscuridad a quienes debiera inundar la luz de nuestros principios.

A esos momentos de laxitud han sucedido otros de esperanzador entusiasmo.

Las fuerzas exhaustas se han repuesto; la duda ha sido sustituída por el más halagador optimismo; y la suma de nuestro valor individual, con el de nuestros samideanos, nos ha parecido sobrada para vencer todos los obstáculos. Ese milagro anual se ha repetido —indefectiblemente— en cada Congreso. Y cuando de regreso a nuestros hogares, con el recuerdo de tantos rostros amigos y de tantos corazones hermanos, hemos reemprendido la tarea difusora, nos hemos sentido agigantados por el anual encuentro, dispuestos a proseguir nuestro deber, con la seguridad de laborar provechosamente en pro de una humanidad mejor.

Por eso, el próximo y ya inmediato Congreso debe ser, para todos los esperantistas españoles, no solamente el motivo de un agradable y cordial encuentro con viejos amigos, y la ocasión de ensanchar el círculo de nuevas amistades, sino además, la oportunidad por excelencia para confirmar nuestra esperanza, y el momento para recibir, en un ambiente de fraternal entusiasmo, una transfusión de fé y persistencia en nuestros ideales idiomáticos.

Por todo ello y porque —como siempre— cuantos vayan han de volver con la grata impresión de haber vivido unos días inolvidables, un gran número de esperantistas españoles están ya seguramente preparando sus maletas para acudir a Castellón, la bella capital de la Plana, que nos espera jubilosa. Junto al mar azul y entre verdeantes naranjos, nuestra estrella brillará como nunca...

**ESTU DO PRETA POR LA BALDAŬA RENDEVUO EN CASTELLON!**

## ANTAŬINFORMO PRI PREPARATA LERNILO DE ESPERANTO

Hispanparolantoj, malgraŭ sia disvastiĝo de Kastilio, en Eŭropo, ĝis Meksikio kaj Argentinio en Ameriko, de Nordafriko kaj Gvineo ĝis Filipina Insularo, sen forgeso pri hispanlingvaj komunumoj, en pluraj marbordaj ŝtatoj de la orienta Mediteraneo, ne estas tre riĉaj je lernolibroj de Esperanto, se oni komparas ĉi ties nombron kun tiu de aliaj popoloj, ekz.: danoj, ĉeĥoj, hungaroj, kroatoj, nederlandanoj, svedoj, suomoj k. a. Kaj se oni juĝas ne laŭ bibliografia indekso, sed laŭ pedagogiaj kaj popularigaj kvalitoj, hispanparolantoj estas ankoraŭ pli malriĉaj kaj malhavaj, ol la cititaj aŭ la --kompreneble!-- angle, france, germane, japane aŭ ruse parolantaj popoloj.

Alian seriozan mankon ni havas: se oni demandas ĉe gravaj librovendejoj en Hispanujo aŭ Latinameriko pri ordinara manlibro de Esperanto aŭ pli kompleta lernilo de tiu lingvo, preskaŭ senescepte oni ricevas nean respondon, ne malofte en akompano de klarigo, ke tiaj libroj ne ekzistas.

Kunkonstatinte en amikaj rondoj tiujn malĝojigajn faktojn, S-ro José Roberto Vivas, venezuelano, disponigis, kiam li estis konsulo de sia lando en Santa Cruz de Tenerife, kapitalon por eldoni modernan lernolibron de Esperanto por hispanlingvanoj, aranĝitan laŭ la plej rekomendindaj kaj sukcesaj metodoj pri lingvoinstruado. Por tiucele labori. post konsulto al Hispana Esperanto-Federacio, estiĝis trimembra komitato (S-ro J. R. Vivas, doktoro pri civila juro; S-ino E. Wolff, profesoro pri modernaj lingvoj; S-ro J. Régulo, docento pri romanida lingvistiko en la Universitato de La Laguna). La komitato jam konsideris kaj trastudis plurajn metodojn aperintajn en la ĉefaj lingvoj supre cititaj; kaj nun ĝi laboras je la redaktado kaj laŭigo de la materialo al la ĝenerala lingvokulturo de la hispanparolantoj. Oni antaŭvidas finredakti la lernilon dum la kuranta jaro 1958 kaj ĝin aperigi en 1959.

Mi publikas ĉi tiun avizon pro du motivoj: unue por diskonigi la samideane malavaran kaj laŭcelan idealismon de D-ro Vivas (ĉar ja la prezo de moderna lernilo, kun bildoj, diversaj litertipoj ktp., ne estas bagatela); kaj due por informo al eventualaj interesatoj, inkluzive de verkantoj aŭ verkontoj de Esperanto-manlibroj, kiuj okaze povus unuigi siajn fortojn kun niaj, kaj tiel kunhelpi la prestiĝon de la rezultaĵo, sen malŝparo aŭ disiĝo de energio, mono kaj efiko.

Printempo 1958. **J. RÉGULO PÉREZ**

---

## ZAMENHOF-STRATO KAJ ESPERANTISTA FESTO EN MANRESA

En Manresa, dimanĉe, 11an de Majo, sub la patronado de la urbestraro, okazis granda festo esperantista, okaze de malkovro de tabulo, kun nomo de D-ro Zamenhof, al moderna strato de la urbo. Ĉeestis pli ol tricent gesamideanoj, venintaj el tuta Katalunio, kio donis agrablan etoson al la festo. D-ro M. Solá faris du belajn paroladojn, en la oficiala ceremonio kaj en sekvanta Arto-Vespero, kie ankaŭ aŭdiĝis per sonbendo la voĉo de nia Prezidanto, D-ro R. Herrero. Cetere, oni ĝuis la prezentadon de la unua amatora hispana sonfilmo en Esperanto; temas pri vojaĝraporto tra diversaj hispanaj urboj. Dum la tuta tago la entuziasmo de la esperantistoj kaj la simpatio de la urbanaro donis rangon de plej alta kvalito al la festo. Gravaj ĵurnaloj el Barcelono tre favore kaj amplekse raportis. Ni gratulas la amikojn el Manresa, kiuj montras sekvendan vojon al ĉiuj aliaj hispanaj grupoj.

---

**MATERIALO POR LA MIGRANTA EKSPOZICIO.** — Laŭ decido en la Madrida Kongreso, estas en preparo granda migranta ekspozicio, gradigebla laŭ la cirkonstancoj, kio ebligos elmontri en diversaj hispanaj urboj la vivantecon de Esperanto. Por tiu grava tasko estas komisiita INSTITUTO DE ESPERANTO, kies organiza komitato petas la alsendon de ĉiuspeca materialo al S-ro J. Rofes Mestre, str. Alfambra, 14 - Barcelona. Espereble, ĉiu hispana samideano konscios pri la utilo, kiun lia helpo donos al nia komuna afero. Ĉiuj do aktive kaj diligente partoprenu en la entrepreno!

---

**La progreso de Esperanto dependas sole nur de la esperantistoj mem!**

**Durante los días 10 y 11 del pasado Mayo, se celebró en Zaragoza la Asamblea Nacional de «Pax Christi» (Movimiento Católico Internacional en favor de la Paz).**

**Entre las distintas secciones de la Organización, que informaron de sus actividades, figuró el Secretariado de Esperanto, quien explicó la amplitud del movimiento favorable al Esperanto, dentro de la organización, para cuyo mejor desarrollo expuso su labor actual y los planes para el futuro.**

**Una nota simpática fué la utilización de varios idiomas en los actos religiosos. Partes destacadas de la Misa (El Padre Nuestro) fueron leídas en castellano, catalán, vascuence y Esperanto. También se rezó en alemán, chino y en un lenguaje africano, por nacionales de estos idiomas, asistentes a la reunión.**

**El Secretariado de Esperanto, de la Sección Española, está a cargo de Don José Guzmán, con residencia en Valencia, Gran Vía de Fernando el Católico, núm. 17, quien informará a los interesados acerca de los Congresos y Rutas de «Pax Christi», poniéndoles en contacto también con los dirigentes y encargados de los distintos servicios.**

# RESPONDE AL «KIEL?...»

### LA PAROLO ESTAS AL VI

La unua samideano ĝuste rezonis.

La dua ne estas finplumita birdo, la povo flugi mankas al li. Li ankoraŭ ne ensuĉis la lakton de nia lingvo, kaj pro tio ĝi ne estas en lia sango.

Laŭ jena analogio, mi bone komprenas lin: estas al mi pli facile verki en Esperanto ol en hispana lingvo; kaj al li hispane ol en Esperanto.

Pro la metio aŭ pro manko da tempo kaj energio, ne estis eble al li asimili nian lingvon. Certe, li estas interesata en nia idealo kaj simpatias al ĝi; sed li restas komencanto, kaj tia li restados. Li skribis hispane, kaj lia preteksto por tion fari nur pruvas, ke li ne povas senĝene, esprimi sin en Esperanto. Sperta Esperantisto ŝatas ricevi leterojn, revuojn, artikolojn kaj tiel plu en klasika lingvo.

Se oni sekvus la konsilon de nia amiko, BOLETIN --destinita por hispanoj-- devus esti nur en hispana lingvo, neniam en ĝi aperu vorto en Esperanto mem. Por ellerni lingvon oni devas studi persiste. Oni korespondadu en sia nacia lingvo kun tiuj, kiuj ne scias Esperanton.

**E. B. YELLAND** (Anglo)
ASPREMONT A. M. - Francio

# ANKORAŬ PRI «KIEL?...»

Respondante al la dilemo, kiu por polemika celo aperis surpaĝe de la lasta numero de BOLETIN, sub la titolo «Kiel...?», mi kuraĝetas eldiri mian vidpunktou, spite al tiu sate konata onidiro: Kiom da kapoj tiom da opinioj...

Antaŭ ĉio, ni devas ne forgesi, ke Esperanto estas genia kreaĵo, farita ne kaŭze de speciala zelota gusto, filologa eksperimento de artefarita lingvo aŭ slanga kaprico de lingvodiletanto. Tute ne. Esperanto --ni ĉiuj bone scias-- estis ellaborata por forigi la primokindan ĥaoson de internaciaj parolantoj, por atingi plenan interkomprenigon inter diverslingvanoj, por helpi la alproksimiĝon inter la popoloj. Jen nobla celo: destinata esti konversaciesprimilo por la tutmondaj interrilatoj.

Post tiu ĉi atentigo, mi riskas aserti, respondante la demandon de S-ro Molera: esperantistoj inter si, ĝenerale, *devus* ĉiam esprimiĝi esperantlingve.

Kial? Ĉu paradokso? Neniel! Ĉar la esperantisteco nuntempe postulas ne nur scipovi la lingvon, sed ion pli: esti perfekta esperantisto, tio estas, ĉiumomente, ĉiuloke, persiste esti senlaca propagandisto de la Lingvo. Tial necesas konstante aplikadi la helplingvon, ĉar tio ĉi estas:

1) drasta propagandilo.
2) por la komencantoj, taŭga okazo por akiri esprimfacilecon kaj prilingvan ellernon.
3) por la progresintoj, nerifuzenda maniero konservi la kapablecon kaj perfektigi la stilon.
4) por la spertuloj, oportuneco edifi kaj kuraĝigi la aliajn.

Konklude --laŭ mia vidmaniero-- la uzo de Esperanto inter samideana medio, ĉu skribe ĉu parole, estas nepre necesa, eĉ moraldeviga pro la suprecititaj motivoj. Por la rapida progresiĝo kaj baldaŭa triumfo de Esperanto sur la mondo, estas urĝe bezonataj bravaj kaj plenkuraĝaj homoj. Hontemuloj kaj timemuloj misagas kaj eĉ malutilas la rapidan antaŭenmarŝon de la afero.

Esperantistoj! Kial plu letargii? For la mallaboremo, senaktiveco kaj indiferenteco! Nur tiel, post longa persista streba laboro, ni atingos nian idealon!

**ALFRED SANTACANA** (Tarragona)

# RAPORTO DE LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO POR LA LABORPERIODO JULIO 1957 - JUNIO 1958

Estimataj samideanoj kaj amikoj:

Plian fojon, plenumante la kutiman devon, ni prezentas al vi, en formo de konciza raporto, la agadon de nia nacia organizo dum la daŭro de unu jaro.

## ENKONDUKAJ KONSIDEROJ

Komence, estas direndaj kelkaj vortoj pri la direkto, kiun --vole, nevole-- de antaŭ certa tempo, sekvas la hispana esperantismo. Ni volas averti pri la atentinda fakto de la iom-post-ioma «aŭtonomeco» de la Grupoj --kaj eĉ de izoluloj-- rilate la Federacion. Tio ne signifus danĝeron, se efective tia aŭtonomeco estus sekvo de pligrandigo kaj plimultiĝo de la grupoj aŭ de la ĝenerala membraro. Sed oni rimarkas ion strangan, kion publike ni devas rekoni: nome, ke tia aŭtonomeco okazas pro ia ankoraŭ ne videbla kaj tamen ekzistanta interna krizo ĉe la hispana esperantista komunumo. Ĉar de pli alta rigardejo, ni povas pli vaste observi, ni devas do tiurilate fari oportunajn klarigojn:

Unue, ni ne rajtas silenti, ke en la oficiala federacia scenejo figuris diversaj nomoj, laŭ sinsekvaj periodaj listoj; sed, malantaŭ la kulisoj, fakte rolis nur tri aŭ kvar bonvoluloj, preskaŭ ĉiam la samaj, kiuj prenis sur sin ĉiujn zorgojn, klopodojn kaj taskojn de la centra administrado kaj de la publika reprezentado, enlande kaj eksterlande.

Konstatinte ĉi tiun aserton, neniu el niaj membroj kuraĝos nei, ke daŭra gvidado de la Federacio dum dek-unu jaroj, sur la samaj ŝultroj. tro peze efikis kaj iel rutiniĝis, ĉar tiuj aktivuloj --malgraŭ sia granda fervoro-- fizike laciĝis kaj senfortiĝis. Tial, kompreneble. la funkciado perdas viglecon kaj freŝecon. Tamen, ankoraŭ dankinde, ke la funkciuloj konscie dejoras sur la postenoj, spite ĉiujn malfacilaĵojn kaj eĉ superante ilin.

Due, estas konstatebla fakto, ke la hispana esperantistaro kreskas de jaro al jaro, sed tio bedaŭrinde neniel respeguliĝas en la membraro de la Federacio, ĉar absolute ignorante ĝin, la novaj hispanaj esperantistoj aliĝas nur al la grupoj, kie ŝajne ili trovas --ni konfesu tion!-- pli da plaĉo aŭ kontentigo ol da utilo kaj plezuro kapablas liveri la kunordigaj servoj de nia federacia centro kaj la modestaj paĝoj de nia BOLETIN.

Nu, la novaj esperantistoj neglektas la Federacion; la grupoj, zorgante plej streĉe por siaj internaj aferoj, kaŭze de kreskanta anaro, ankaŭ malproksimiĝas de la Federacio, kun la ne loga rezultato, ke tiel la Federacio transformiĝas pli kaj pli en ia burokrata oficejo, kun akumuliĝintaj respondecoj, antaŭ la ŝtataj instancoj, sed sen animo, sen spirito kaj ankaŭ ja sen pozitiva influo, por diligente sin manifesti, kiel kolektiva organizita forto, de grava lingva internacia movado, tra la vasta amplekso de la hispana geografio.

Akorde do kun la realo, ni devas rigardi la Federacion nur kiel oficejon por solvi konsultojn, liveri informojn, administri la financojn, eldoni BOLETIN kaj ĝin ekspedi. Krome, funkcias tri helpaj fakoj: «Gazetara kaj Radio-Servo», «Kursoj per Korespondado» kaj «Libro-Servo», kiuj marŝas sur propraj reloj, sendepende de la ĝenerala gvidado.

## CENTRA OFICEJO

Kiel cerbo de la Federacio, ĝi estas la ligilo kun la tuta membraro, per ordigita laboro farita de salajrata oficisto, laŭ sistemo eltrovita por la pasinta jaro (vidu en BOLETIN, num. 103, paĝo 68) kvankam ĉi-jare la aranĝo ne tiel plene sukcesis.

En la oficejo, nia tuta laboro disvolviĝas sub la devizo: «Neniu demando sen respondo, neniu konsulto sen informo!» Ni opinias, ke ni sukcesis tiucele kontentige labori; se ial tiel ne okazis, ni estas pretaj ricevi la koncernan admonon. Por ke la mekanika laboro estu bonorde farita de la oficisto, ni devas adekvate pretigi ĝin, dediĉante al tiu tasko la horojn el vesperoj kaj noktoj aŭ tiujn liberajn el dimanĉoj kaj festotagoj.

## ADMINISTRADO

Jam dek jaraj bilancoj atestas, ke ni sukcesis longe piloti la ŝipon tra la rifoj de financaj malfacilaĵoj. La apogeo de plej tikla ekonomia situacio montriĝis pasintjare; ĝin oni pritraktis dum la Madrida Kongreso (vidu en BOLETIN, num. 104-105, paĝo 82) kie oni decidis ne altigi la kotizon kaj eldoni la gazeton dumonate. Fine de la jaro, post fermo de la bilanco, ni scios ĉu ni povas mildigi la rigoron de la akceptita regulo. Certe vi konstatis kun ĝojo, ke la antaŭlasta BOLETIN (num. 109) estis ree 12-paĝa, anstataŭ nur 8-paĝa.

### BULTENO

Oni jam scias, ke la bulteno estas la ĉefa elspezo en nia budĝeto, kvazaŭ akso ĉirkaŭ kiu turnas la tuta administracio; sed, ankaŭ vere, ĝi estas nepre necesa kaj tre ŝatata ligilo, kiu okupas dignan lokon en la koncerto de la tutmonda esperantista gazetaro. Kiel kutime, la redaktoro, Luis Hernandez, legos detalan apartan raporton pri ĝia redaktado.

### GAZETARA KAJ RADIA SERVO

Dank' al propra iniciatemo de pluraj aktivuloj, aperas artikoloj en ĵurnaloj kaj revuoj dum radiostacioj elsendas Esperanto-programojn. Lastatempe «Radio Valladolid», per trafa Esperanto-kurso, dank' al la klopodoj de S-ro M. Cantalapiedra, diskonigis nian lingvon tra regiono, interne de la lando, tre skeptika por nia afero. Ni esperas do tiel pioniri novajn lokojn de nia lando. La Gazetara kaj Radia Servo estas ankaŭ la arkivo, kie ni gardas ekzemplerojn de tiuj gazetoj, kiuj aperigis sciigojn, aŭ ion ajn pri Esperanto.

### KURSOJ PER KORESPONDADO

Ĉi tiuj specialaj kursoj de la Federacio, sub la gvido de nia kara amiko Ramón Molera, sukcese daŭras montrante sin treege utilaj por la instruado de nia lingvo al personoj, kiuj ne povas rekte partopreni en ordinaraj kursoj aŭ loĝas en urboj, kie ne ekzistas Esp.-Grupo.

Sciinde estas, ke privata centro por lingvo-instruado per korespondado: «Instituto Inter», en Barcelono, metis Esperanton, en la liston de siaj instruataj lingvoj.

### LIBRO-SERVO

Jen forta branĉo kaj utila servo por ebligi al ĉiuj membroj la necesajn pedagogajn kaj literaturajn librojn, kiujn eldonis plej gravaj eldonejoj el la tuta mondo. Oni preparas la presadon de nova libro-listo, kun indiko de plej freŝaj titoloj, apud tiuj jam antaŭe aperintaj. Tio estos taŭga helpilo, por tiuj amikoj dezirantaj riĉigi sian bibliotekon per novaj volumoj.

### ESTRARO

Por la venonta periodo 1959-1960, oni devas elekti kaj baloti novan Estraron. Pri tio estas dezirinde aŭdi en la Kongreso ideojn, sugestojn kaj eĉ konkretajn proponojn, kiuj estos utilaj eĉ en la okazo, ke la sidejo devas resti en Valencio. Se tiel, la situacio ne multe ŝanĝiĝos, ĉar, kiel komence dirite, preskaŭ la samaj personoj postenos, klopodante tamen adapti sian gvidadon al renovigitaj normoj, kiujn, laŭ dekjara sperto, oni konsideros plej konvenaj por alten hisi la verdan flagon, en gaja flirtado, tra la blue sunumita hispana ĉielo.

La Prezidanto, **Rafael Herrero** — La Sekretario, **José Guzmán**

---

## 19ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN CASTELLON - 24-27 Julio 1958

**Adreso de la Organiza Komitato: Calle Alloza, 189 — CASTELLON**

Jam tute proksima la dato, la sindonemaj organizantoj preparas la lastajn aranĝojn, kiuj aŭguras plej perfektan funkciadon de ĉiuj servoj. La aliĝintoj ricevos oportuntempe la provizoran karton kaj la rabatilon por la fervojo, kiu faciligos la vojaĝon.

La AKCEPTEJO funkcios en la Turisma Oficejo, ĉe la Urbodomo, kien ĉiu kongresano devas unue iri por ricevi la dokumentaron kaj precizajn indikojn pri la diversaj loĝejoj en hoteloj kaj pensionoj. La dokumentaro konsistos el valora turisma materialo, krom la insigno kaj Kongreslibro kun la definitiva programo, kie pompos ekskursoj kaj folkloraj prezentadoj, ekster la jam tradiciaj logaj aranĝoj de niaj kongresoj: Meso, kun Esperanta prediko, Interesaj prelegoj, laborkunsidoj, literatura festo, vizito al oficialaj institucioj, lunĉoj, bankedo k. t. p. Por tiuj, kiuj ankoraŭ ne aliĝis, estas konsilinde ne prokrasti la decidon, por faciligi la taskon de la komitatanoj, kaj por propra intereso rilate la loĝadon, evitante tiel lasthorajn streĉajn demarŝojn kaj malagrablaĵojn.

**Está ya a la venta el vistoso cartel del Congreso; el de este año es algo verdaderamente llamativo, muy «okulfrapa». Hay dos tamaños: 34 x 49 y 22 x 30 cm. El precio, como de costumbre, es extremadamente reducido: UNA peseta por cada ejemplar, pagándose casi tan solo el papel. Quedan aún existencias de la tarjeta a 1'50 pesetas. Es de suponer que todo este material de valiosa propaganda tendrá la merecida difusión entre los amigos del extranjero.**

Por inda teniĝo antaŭ la aŭtoritatoj, oni rekomendas partopreni ĉiujn aranĝojn kun konvena vestaĵo, kio ne estos baro por la bona humoro, kiu karakterizas niajn renkontiĝojn.

## Kaj Vi, Kiam?

La stelo ĉarma de la mateno,
brilanta hele je la tagiĝ',
tre bone scias, ke mia koro
mortiĝas ame, sole pro vi.

La Suno, kiu bele orumas
la kampon plenan de bela flor',
ankaŭ tre scias, ke kor' la mia
pro vi bategas dum ĉia hor'.

La Luno arĝenta, en la ĉielo,
min okulumas ŝerce en vesper',
ĉar ĝi ja scias, ke mia koro,
amon atendas kun fida esper'.

Kaj dum la nokto, en bela sonĝo,
funde mi revas pri vi --trezor'!--
sed vian amon, ho karulino!
kiam vi donos al mia kor'!?

Bilbao. **M. DE ELEZCANO**

## PLUVETO DA BONHUMORO

Babilo inter amikinoj:
—Oni devas rekoni, ke Sofía havis multe da kuraĝo, konfesante al sia edzo ĉiujn siajn antaŭajn aventurojn.
—Multe da kuraĝo? Mi dirus, pli ĝuste, multe da memoro.

—

Al hejma enspezisto de imposto:
—Kredeble, via vizito estas dezirata en neniu hejmo.
—Ho, kia eraro! Plej ofte, oni petas min reveni en alia tago...

—

Filo demandas al sia patro:
—Diru, paĉjo, kiom da mono estas necesa por geedziĝo?
La patro meditas momenton, kaj fine li trovas jenan respondon:
—Minimume, la duoblo de la disponebla kvanto.

—

Kliento en restoracio:
—Kelnero, ĉi tiuj ostroj estas tre malgrandaj kaj, cetere, ne freŝaj.
—Efektive, sinjoro, vi devas danki, do, ke ili estas tiel malgrandaj...

—

Surstrataj ekkrioj laŭ epokoj:
1910 — Ho, jen aŭtomobilo!
1940 — Ho, jen rajdanto!
1958 — Ho, jen piediranto!!

*Ne pruntedonu monon al tiu, kiu ne scias, kio estas ĝin gajni.*
SAKARIAN

## SFINKSA ANGULETO

### MNEMOTEKNIKA DISTRO

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 1 | 2 | 5 | 6 | 2 | 8 | 1 | 4 | 7 |
| 1 | 4 | 4 | 7 | 2 | 3 | 6 | 1 | 8 | 9 |

**Jen du vicoj da ciferoj, ordigitaj laŭ metodo, kiu ebligas memori facile ambaŭ kvantojn. La demando estas simpla: Kiel?**

Ĝusta solvo gajnos unu poenton ĝis 15. Aŭgusto.

### SOLVO PRI LA PSIKO-MATEMATIKA PROBLEMO EN LA PASINTA NUMERO

*Johano kaj Petro naskiĝis samtage, sed kun malsamaj patroj. La patrino de Johano kaj la patro de Petro mortis. La gevidvoj geedziĝis; poste naskiĝis Maria, kiu tiel estas fratino de Johano kaj Petro.*

### LABORO ESTAS FONTO DE SANO

Laŭ angla kuracisto, tro da ripozo povas esti, por la homa organismo, pli malutila ol daŭra aktiveco, eĉ en peza fizika laboro. Normala agado pliviglígas kaj fortikigas la korpon. Tro da kvieteco efikas malbone ĉe la angioj kaj renoj. La muskoloj ankiloziĝas kaj perdas elastecon.

## LA PINGVENOJ

Ĉi tiuj kuriozaj birdoj estas tre sociemaj kaj formas densajn koloniojn en la antarktaj regionoj. Ili konsistigas unu solan familion, kun ses genroj kaj proksimume dudek specoj. Ĉefa karakteriza diferenco kun ĉiuj ceteraj birdoj troviĝas en la flugiloj, kies plumoj estas etaj kaj tre malmolaj, kio malebligas flugadon.

Tamen, tia aranĝo de la flugiloj bonege taŭgas por naĝado. Starantaj sur planko, la pingvenoj moviĝas tre mallerte kaj groteske, ĉar iliaj reduktitaj flugiloj pendas kvazaŭ brakoj; sed, en la akvo, ilia mallerteco malaperas por igi ilin rapidaj naĝantoj kaj viglaj kaptistoj, kiuj nutras sin per fiŝoj kaj krustuloj.

La inoj metas du ovojn ĉiujare, kiujn ili diligente kovas inter la kruroj.

*Daŭre laboru, por ke la diablo trovu vin okupata ĉiam.*
SANKTA HIERONIMO




**EN OMBRO KAJ EN LUMO,** mediuma novelo de Zilda Gama. El la portugala originalo esperantigis L. C. Porto Carreiro Neto. 274 paĝoj, 13 x 19 cm. Prezo ne montrita. Eldonfako de «Federação Espirita Brasileira» - Avenida Passos, 30. Río de Janeiro (Brazilo).

Jen longa novelo, kiu temas pri ĉarmaj kaj funde kortuŝaj travivaĵoj de diversaj personoj dum pluraj ekzistadoj en nia mondo. Mi ne dubas, ke ĉi tiu verko estos frande ŝatata de la spiritistoj kaj same ankaŭ de multaj ne tiaj, kiuj --kiel mi-- scias preskaŭ nenion pri spiritismo. Sekve, pro la fakto, ke tiu doktrino estas enigmo por mi, mi funde klopodis detale analizi la enhavon de tiu kurioza novelo, kiu vere akordas kun miaj sentoj pri paco, amo kaj frateco. Tamen, en pluraj periodoj, la dialogoj estas efektivaj predikoj, kiel saĝe kaj prave avertas la tradukinto, sed tiel longaj, ke ili riskas tedi la legantojn, kiuj estas fremdaj je la nomita doktrino.

Kompreneble, tio okazas ĉar romano, kies celo estas propagandi la kvalitojn de religia idealismo, sub formo de novelo, ne estas ordinara rakonto pri okazaĵoj al homaj vivoj, pli aŭ malpli interesaj, sed ankaŭ propagandilo por varbi adeptojn. Tial, oni devas konscii pri la bezono de dialogoj, kiuj ofte --precipe, tiuj en la tria ĉapitro de la dua libro-- estas instruaj kaj konvinkigaj por ĉiuj pacamantoj.

Dirinte, ke akademiano Porto Carreiro faris la tradukon, oni neniel necesas emfazi, ke la lingvo estas klara kaj flua. Tamen, por mia gusto, ĝi enhavas tro da *eg*-sufiksoj; ekzemple: am*eg*ata, pet*eg*o, pur*eg*a k. t. p. Kio, cetere, ne difektas la brilon, kiun posedas la bon*eg*a stilo de la kompetenta tradukinto de ĉi tiu admirinda verko, kiu riĉigas de nun nian literaturon, dank' al sindonema eldonejo.

J. DEVIS

---

**NI OFERAS.** Komunaj preĝoj kaj kantoj dum la Sankta Meso. Kompilitaj de Ludwig Thalmaier 3.ª eldono. — Eldonejo «Katholische Esperanto-Zentrale in Deutschland», München, 12, Gutdeimstrasse, 32-IV (Germanio) Akirebla kontraŭ 1 respondkupono.

Katolikoj devas danki al tradukisto pro tiu ĉi vere interesa libreto, kiu atingas jam sian trian eldonon. De antaŭ longe, kiel oni asertas en la Antaŭparolo, mankas al la esperanta katolikaro bona traduko de preĝoj kaj kantoj por la Sankta Meso; kaj ĉi tie troviĝas bona provizo da ili, fidele prenitaj el la preĝlibreto «Al altaro de Dio». Tial do, mi laŭdas ĝin kaj rekomendas al niaj legantoj.

JOSÉ PÉREZ

---

**KOSMO,** trimonata revuo de Esperanto-Sekcio de la Spíritscienca Instituto de Martinus. Abonprezo: 10 respondkuponoj aŭ 12 steloj. Respondeca redaktoro: Peter Zacho. Randbelvej, 4, Kopenhago F. (Danlando).

Nova revuo ornamas nian gazetaron. Ĝia enhavo konsistas precipe el prelegoj kaj artikoloj de Martinus, sed ankaŭ estas poemoj kaj spritaĵoj. La eldonantoj ne serĉas materian profiton; ili celas nur diskonigi, kiel eble plej bone, la progresojn de la kosmologio.

La redaktoro diras en ĉefartikolo, ke «ia movado ĝi estas, sed ne sekto aŭ societo. Ne estas eble fariĝi membro de nia movado. Membro oni estas nur per sia intereso». En la unua numero troviĝas jena enhavo: Kosmo. Kion novan portas Martinus? Eterno. Kontaktiĝo. Ĉu evoluinta? La edzeco. Izolulo .Eldonaĵoj.

Laŭ tiu listo, oni konstatos, ke la revuo estas leginda kaj subteninda de idealistaj homoj, al kies kategorio plenrajte apartenas la esperantistoj.

R. ALBERO

---

**PLÁTICA EN ESPERANTO** (Versión española) por el Presbítero Licdo. José Casanovas, Profesor decano del Seminario Conciliar de Gerona. Edición del autor, con las debidas licencias. 11 p. 18 x 12 cm

Nuestro querido y reverendo Padre Casanovas ha traducido al castellano y editado en opúsculo la hermosa plática que pronunció en el templo de San Francisco el Grande, de Madrid, durante la Santa Misa del XVIII Congreso Nacional.

Nos ofrece un estudio muy completo de todas las objeciones que todavía ahora se achacan al Esperanto, al que se reprocha de antagónico a las lenguas nacionales, a la lengua latina y a la Iglesia Católica, haciéndonos ver claramente todo lo contrario, con textos y discursos de Papas y altas jerarquías de la Iglesia.

Este librito, que ha sido distribuído por toda España, ayudará a la comprensión de nuestro ideal, por lo que todos agradecemos al admirable predicador, que con encantadora sencillez muestra su bondad y simpatía en todos nuestros Congresos, tan desprendido rasgo de amor al Idioma Internacional.

JOSÉ PÉREZ

**Ankoraŭ estas tempo por travivi neforgeseblajn tagojn okaze de la**

# 43ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**en Mainz (Germanujo) Julilo de la presarto, sub la alta honora protektado de la Ministro-Prezidanto de Rejnlando-Palatinato.**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Abril-Mayo de 1958)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 3.239 | Ptas. |
| José María Lobato - Las Palmas | 15 | » |
| Germana Esperantisto - Munkeno | 62'50 | » |
| José López Plazas - Cullera | 50 | » |
| Ernesto Roca - Tarrasa | 25 | » |
| F. Buisán - Palencia | 10 | » |
| B. Coll - Inca | 10 | » |
| J. Flaquer - Barcelona | 25 | » |
| T. Elizondo - Trucios | 15 | » |
| J. Morcé - Vendrell | 10 | » |
| B. Cebollero - Zaragoza | 10 | » |
| M. Bausells - Barcelona | 5 | » |
| J. Balbé - Tarrasa | 50 | » |
| J. Gironés - Sta. Coloma Gramanet | 25 | » |
| Total | 3.551'50 | » |

*Y ahora, a disfrutar de las vacaciones para reponer energías, hasta el otoño.*

## TESORERIA

En el sorteo del 25 de Abril, por el núm. 20.976 fué agraciado, con el premio de un ejemplar de «Kon-Tiki», D. Rafael Herrero Arroyo, nuestro Presidente, por su núm. 76 del Fondo Pro-Administración.

En el del 25 de Mayo, por el número 43.740, don Francisco Alsina Plana, de Barcelona, por su número 40.

***Esta Tesorería advierte que, como de costumbre, el próximo número extraordinario del Congreso será enviado a reembolso, por el importe de la cuota anual, a todos los afiliados que estén todavía pendientes de este requisito. Confiamos en su buena voluntad.***

**ATENTU! La venonta numero, kun tre detala kroniko pri la Kongreso, aperos fine de Septembro. Ĝis tiam, agrablajn feriojn!**

### ĈU VERE ANKORAŬ NE?

Ne hezitu do plu! Vi povas esti la vendisto, kiun ABABA bezonas.

Skribu tiucele, laŭ la januara anonco.

### EL ESPERANTO EN LOS MEDIOS CIENTIFICOS

**Como separata del tomo IV de las Publicaciones del XXIII Congreso Luso-Español para el Progreso de las Ciencias, se ha publicado un interesante trabajo de nuestro buen amigo y samideano, el ingeniero don Alfredo Villa, de Gijón, sobre «Sistema de Unidades Acordes», presentado en la 3.ª Sección de dicho Congreso celebrado en Coimbra (1956). Aparte de sus propios méritos, este informe tiene para nosotros un especial interés por llevar un resumen en Esperanto, que sintetiza todo su contenido.**

**Un afectuoso saludo para don Alfredo Villa, con nuestra más cordial enhorabuena.**

### LERNEJO POR ABELKULTURISTOJ

En vilaĝo Saint-Christol, apud Ales (Gard) en Francujo, funkcios abellernejo, kiel ĉiujare, de 15. ĝis 31 de Julio.

Tiuj kursoj estos senpagaj, same kiel la komuna dormoĉambro. La manĝoj okazos kooperativmaniere, kies kosto proksimume estos de 13 ĝis 15 steloj potage.

Abelamiko! Petu informojn, franclingve aŭ en Esperanto, rekte al

Ministére de l'Agriculture
Direction des Services Agricoles
Place Questel, NIMES - Gard (Francujo)

Dez. koresp. ĉiulande S-ro Ricardo de la Cruz, str. Puerta Nueva, 22, 3.º BARCELONA (Hispanio).

Grupo de komencantoj deziras koresp. ĉiulande kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

Skribu al: S-ro Juan Ayats, str. Rubio y Ors, 108 CORNELIA DE LLOBREGAT (Barcelona) Hispanio.

## LA MALPRUDENTA SCIVOLULO

**Interesa novelo de Cervantes en klara, bela kaj fidela traduko de**

**LUIS HERNANDEZ**

**68 paĝoj 20 x 14 cm. Belaj ilustroj kaj vinjetoj.**
**Arta kvinkolora surkovrilo. 20 pesetoj.**
**Libro-Servo de Hispana Esperanto-Federacio**

***De germana samideano, kiu deziras kaŝi sian nomon, la eksdelegito de U. E. A. en Valencio, S-ro E. Tudela, ricevis 500 pesetojn por distribui inter la esperantistoj, kiuj suferis damaĝojn, okaze de la riveralfluo en la pasintjara Oktobro. La koncizeco de ĉi tiu informo, konforma kun la simpatia modesteco de la donacinto, neniel malgrandigas la koran dankon, kiun sincere altestime kaj publike esprimas nun al li la tuta Valencia samideanaro.***

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA